

# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Aprilo/Majo (2) 2010

# Urbo en estonteco

Internacia konstruada Ekspozicio en Hamburg IBA 2013

Foto: IBA Hamburg

**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str .95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67

**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431 883 47
klehr@esperanto-hamburg.de

## Karaj legantoj,

Blua de l' printemp' ruband'
ree flirtas tra l' aeroj,
vagas dolĉaj aromeroj
antaŭsente tra la land'.

(laŭ poemo de Eduard Möricke
trad. M. Retzlaff)

Finfine printempas post longa vintro kun multa neĝo.

La 20an de Marto nia estraro kunsidis kun la prezidanto de EEU, *Seán Ó Riain*, kaj la projekt-komisiitino por la komuna konferenco en Majo 2011, *Maja Tišljar.* En agrabla etoso la kunsido daŭris pli ol kvar horojn.

Kiel kaj kujn varbi por la konferenco en Hamburg; kie okazigi kaj kiel atingi EU-subvenciojn kaj subtenon el aliaj fondusoj aŭ fondaĵoj, estis la ĉefaj temoj pripa-rolitaj. Certe sekvos aliaj kunvenoj inter HES kaj EEU, supozeble dum la Germana Esperanto-Kongreso dum Pentekosto en Kaiserslautern. Unu jaro ĝis 2011 tre rapide pasas, kiam oni volas prepari konferencon.

Mi deziras al vi agrablan Paskan Feston

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*

Kultur Laden St. Georg e.V.

**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

En libroj
troviĝas la animo de
ĉiuj pasintaj tempoj.

Thomas Carlyle

**Redaktofino**
**de n-ro 3/2010: 15-05-10**

**Redaktofino**
**de n-ro 4/2010: 15-08-10**

**Redaktofino**
**de n-ro 5/2010: 15-10-10**

# IBA Hamburg

La **Internacia Konstrua Ekspozicio** (Internationale Bau-Ausstellung) **en Hamburg komenciĝis en 2007.** En 2010 okazos la prezentado de 40 diversaj projektoj de unuopaj konstruaĵoj kaj tutaj kavartaloj. La ĉefa temo estas loĝado en la estonteco:
Kiel organizi la vivon en multkultura socio?
Kiel forigi lokajn kaj socialajn barilojn?
Kiel vivi konforme al la konservado de la klimato?
Multaj projektoj okupiĝas pri la kunvivado de homoj el diversaj nacioj kaj kulturoj.





**Energiŝpara loĝdomo** Fotoj: IBA Hamburg

La tereno troviĝas sur pluraj insuloj inter la norda kaj la suda brakoj de la rivero *Elbe,* inter ili Wilhelmsburg, la plej granda rivera insulo en Eŭropo.
Sur la supra foto oni vidas la ruinon de bunkro el la dua mondmilito, kiu servu por modernaj bezonoj: Ekstere troviĝas instalaĵoj por produkti varmon kaj elektron, interne la varmo estas konservita en granda cisterno kiu ankaŭ ricevas varmon de apuda fabriko. Aldone enestas du elektraj centraloj, kiuj produktas elektron kaj varmon el ligneroj kaj resta gaso el la fabriko. Varmo kaj elektro sufiĉos por 800 loĝejoj.
Ekzistas intensa kunlaboro kaj organiza ligo inter IBA kaj IGS, la *Internacia Ĝardena Ekspozicio,* kiu ankaŭ okazos en 2013 sur la sama tereno.



**Benno, Hannelore kaj Dominik antaŭ la novaj bretaroj**

# Biblioteko de HES

La biblioteko de HES nun jam estas parte instalita sur novaj bretaroj en la suba etaĝo de la iama Esperanto-Domo. La ejojn por biblioteko kaj arĥivo ni luis je favora prezo de la nuna posedanto.
Aĉeteblaj vortaroj aŭ lernolibroj kaj la katalogo de la biblioteko troviĝas por niaj klubanoj en la kulturbutiko.
Por persona vizito al la biblioteko oni interkonsentu daton kun Benno Klehr. Proponojn por la aĉeto de novaj librojn la membroj ankaŭ direktu al Benno.

# Studentoj avertas ministron

Hamburgaj studentoj pri kemio avertis la ministron por sano, *Philipp Rösler,* ke en infanĝardenoj kaj lernejoj oni ankoraŭ uzas *Dihidrogenan Monoksidon* por purigado.
*Dihidrogena Monoksido* (DHMO) estas senodora kaj senkolora kemia komponaĵo, ankaŭ kelkfoje nomata Hidronia Hidroksido, aŭ simple Hidra Acido.
Ĝia bazo estas alte reagema hidrogena radikalo, tia ke ĝi povas mutaciigi DNA-n, denaturigi proteinojn, disrompi ĉel-membranojn, kaj kemie ŝanĝi neŭrotransmitilojn.
La atomaj komponentoj de DHMO estas trovataj en pluraj kaŭstikaj, eksplodemaj aŭ venenaj kombinaĵoj kiel Sulfura Acido, Nitroglicerino kaj Etila Alkoholo.
La ministro promesis pritrakti la temon, sed koncedis ke li ne povos respondi antaŭ la 31a de Marto.

---

# Olimpikaj ludoj kun 4 el 200 triboj

En Kanado vivas 200 Indianaj triboj, el kiuj nur 4 rajtis vendi siajn artaĵojn kaj manlaborojn dum la vintraj olimpikaj ludoj ĉi-jare. Ankaŭ la maskoto de la ludoj, *Ilaanak*, estas simbolo de minoritato, la *Inuitoj* (eskimoj), kiuj dum la ludoj krome ne estis prezentitaj.
Nur malmultaj Eŭropanoj povas imagi, ke antaŭ nur 50 jaroj en Kanado estis malpermesitaj ne-kristanaj kulturoj kaj ĝis 1995 eĉ ne ekzistis la rajto je etna identeco.

# Hamburg kapituliert vor Englisch

Pressemitteilung 15.2.2010

(mb) Während sich immer mehr Menschen in Deutschland gegen die Verbreitung von Denglisch auflehnen, begnügt sich die Freie und Hansestadt Hamburg nicht mehr mit halben Sachen: Hier ist überall Original-Englisch auf dem Vormarsch, offenbar auch auf Regierungsebene gefördert oder zumindest geduldet.

Zusammen mit anderen Bundesländern hat Hamburg jetzt im Bundesrat die schon länger diskutierte Gesetzesinitiative zur Einrichtung von internationalen Kammern für Handelssachen gestartet – Verhandlungssprache: Englisch. Da wird künftig wohl auf Englisch „im Namen des Volkes“ Recht gesprochen. Dabei handelt es sich um das Volk, das in seiner großen Mehrheit diese Sprache weder spricht noch versteht.

Der Flughafen ist aus dem öffentlichen Leben ganz verschwunden - jedenfalls als Begriff. Die S-Bahnen verkehren nur noch zum Airport. So steht es an den Zügen und an den Bahnhöfen. So dröhnt es auch aus den Lautsprechern während der Fahrt: der Zug fahre zum „Hamburg Airport“, ist da zu hören.

Ab 2011 soll es in Hamburg Straßen geben, die von Fußgängern und Autofahrern gemeinsam genutzt werden dürfen – unter dem Namen SHARE SPACE. Einen Hinweis für deutschsprachige Verkehrsteilnehmer gibt es nicht. Betroffen sind zunächst fünf Straßen, darunter die Osterstraße, die Bahrenfelder Straße und die Lange Reihe.

Bisher sind alle Versuche des Vereins Deutsche Sprache vergeblich gewesen, den bürgerverachtenden Sprachwandel in der Stadt einzudämmen. Das „Tor zur Welt“ hat seine ehrwürdige „Hafenbehörde“ vor einigen Jahren in „Port Authority“ umbenannt.
Der Hamburger Senator Axel Gedaschko, seit 2007 Präses der Behörde für Stadtentwicklung und seit 2008 Präses der Behörde für Wirtschaft und Arbeit, hatte 2005 den Initiativpreis Deutsche Sprache erhalten. Aus heutiger Sicht wohl eher ein Flop, wie man in England sagt und mittlerweile auch im englischsprachigen Hamburg sagen muss.

(**Gazetara sciigo de *Societo Germana Lingvo***)

## La Eŭropa Lingvo

Eŭropa integra procezo pli kaj pli perfektiĝas ĉiujare, do ni pli proksimiĝas al aŭtentika unuiĝo kaj konsolido de tuta Eŭropo je unu korpoparto de diversaj nacioj. Tamen estas unu kondiĉo.
Ni havas komunan himnon, flagon kaj valuton. La problemo estas nur akcepto de komuna lingvo por Eŭropo, pri kiu oni kontinuas persistajn diskutojn. Sen ebligo al ĉiuj homoj de Eŭropo facilan interkompreniĝon helpe de facila kaj neŭtrala lingvo, la eŭropaj nacioj daŭre restos por si reciproke fremdaj kaj neniam ĝisfine integriĝos. Kiel aktuale aspektas la aferoj? Nuntempe en Eŭropa Parlamento laŭ principoj de ŝajna egaleco estas parolataj preskaŭ 40 lingvoj, ĉar krom membroŝtataj naciaj lingvoj estas allasitaj ankaŭ lingvoj de iuj minoritataj nacioj. Malgraŭ tiu egaleco ekzistas la lingvoj pli „egalaj”, kiel la: franca, germana, hispana kaj itala.
Pri ŝajna „egaleco” de ĉiuj eŭropaj lingvoj plej bone atestas la fakto, ke kiam oni kontraktas konvencion ekzemple en pola kaj angla lingvoj, do tiam estos deviga nur la angla teksto kaj la pola formas kiel ornamo.
Tiun eksterordinare komplikitan (pro tradukadoj kaj kostoj) la lingvan problemon oni penas ielmaniere solvi. Aprile de la 2004. en EP oni aranĝis voĉdonadon por elekti komunan lingvon por Eŭropo. Por voĉdono oni proponis iujn naciajn lingvojn, kiuj ricevis neperceptеblan kvanton da voĉoj. Nur por lingvo Esperanto voĉdonis la plej multo, ĉar eĉ 43% da deputitoj.
Pri popularigo de E-lingvo atestas ankaŭ aranĝitaj interretaj sondadoj (www.freewels.com/international-languages), kie voĉdonis eĉ 70% da respondintoj.
Ĉi rezultoj elvokis panikon en tre forta anglalingva, influprema politika grupo. Por malgravigi tiujn favorajn por Esperanto voĉojn, Leonard Orban la komisaro de UE pri aferoj de la multlingveco – trudas utopian koncepton pri ŝajnaj ĉarmoj kaj valoroj de la multlingveco.

Por kredindigi ĉi koncepton, li iniciatis specialan komisionon, kiun konsistigis reprezentantoj de: “British Council”, “Instituto de Goethe” kaj “Centro de Popularigo de franca lingvo kaj kulturo”, do la institucioj escepte neobjektivaj, iteresiĝintaj nur pri popularigo de siaj propraj naciaj lingvoj. Tiu neobjektiva komisiono prezentis kelkajn nerealajn konkludojn: ĉiuj eŭropanoj, por interkomunikiĝadi devus dum sia tuta vivo lerni fremdajn lingvojn kaj trakti tion kiel sportan distron
*Tamen la plej esenca postulo de tiu komisiono estas penado por prezenti verkiston Józef Konrad Korzeniowski kiel la imitindan modelon – ja gepatra lingvo por li estis la pola, sed vojaĝante tra la mondo, li sin priservis kiel tiaman dominantan la francan kaj verkis belan literaturon en la angla, ĉar li traktis ĉi lingvon kvazaŭ propran. Do ĉiuj eŭropanoj devus akcepti anglan lingvon kiel la* **propran**.

*Tia konkludo esprimplene iras renkonte al hegemoniaj aspiroj de Britio, kiu per dominado de sia lingvo ekde jardekoj certigas al si politikajn, ekonomiajn kaj kulturajn influojn, do preskaŭ kolonie dependigas Eŭropon.*
*Pri la sama dominado konkuras kun Anglio – kvankam ne tro efike – Germanio kaj Francio, eĉ Hispanio kaj Italio. La pola eksministro pri kulturo Zdzisław Podkański volus, ke Pollando strebu al grupo de privilegiaj landoj. En forumo de eŭropa debato de civitanoj li proponis, ke la pola lingvo reprezentu slavajn landojn kaj restu enkalkulita kiel la vice sesa dominanta en Eŭropo. Por teni tiun dominadon oni disvastigas miton pri ŝajna unisersaleco de la angla lingvo. Ĝi estas ja mensogo, ĉar en Eŭropo anglalingve parolas nur mlmultnombra grupo da homoj, kiuj finregis tiun ĉi lingvon en nesufiĉa grado. Atingodistanco de la angla lingvo en la mondo mallongiĝas, ĉar pli multo de ekskoloniaj landoj revivigas siajn naciajn lingvojn.*

**Daŭrigo –>** paĝo 4

# Hamburg-Enigmo



Kie troviĝas tiu ĉi tureto?
En la nordo de Hamburg ĝi iam kronis la enirejon al tre grava konstruaĵo.
Malgraŭ la aspekto ĝi ne estis preĝejo, sed io tute alia, kie nun loĝas maljunaj homoj. Sub la turo hodiaŭ estas muzeo.

---

**Vendredo**, la 2an de Aprilo
ĝis **lundo**, la 5an de Aprilo 2010

## 9a Kekso-renkontiĝo je pasko en Hamburgo




Kekso estas projekto por gejunuloj inter la 15a kaj 25a jaraĝo. Tiu renkontiĝo la unuan fojon okazos en Hamburgo en junulargastejo Horn.

**Daŭrigo: La Eŭropa Lingvo**

*La elstara lingvisto Claude Piron, kiu estis parolanta multajn lingvojn, la ekstradukisto ĉe UN, frakase opiniis pri la angla lingvo kiel homonimeca, tre malfacila en prononcado kaj skribado. Li konsideras, ke eĉ multjara lernado ne garantias bonan majstradon per la angla lingvo.Tian lukson povas permesi al si nur malmultaj.*
*Kian problemon kaŭzas dominado de angla lingvo en la mondo, plej bone atestas ekzempla incidento kia eventis en septembro de la 2007. sur aerodromo en Vancouver, kie la polo Robert Dziekański iĝis murdita de policanoj nur pro tio, ke ne konis la anglan kaj ne scipovis kun ili inperkompreniĝi.*
*En la forumo de UE-komisaro pri multlingvecaj aferoj Leonard Orban (*http://trikada.blox.pl/2009/04/Europejska-batalia-jezykowa-Euxropa-lingva-batalo.html*) en la temo"Graveco de fremdaj lingvoj", voĉdonis jam pli ol 825 personoj el tuta Eŭropo kaj superas la voĉoj por Esperanto.*

*La ideo de Esperanto, kiel de la plej facila lingvo kaj konduko ĝin en lernejojn ankoraŭ pli multe dominas en aliaj internaciaj TTTejoj de tiu debato. Precipe en tiaj landoj kiel Germanio, Francio aŭ Britio. Eĉ la angloj, kiuj ne ŝatas lerni fremdajn lingvojn, ĝuste – ho mirindaĵo – tre volonte lernus ĝin.*

*Se ni plu indiferente rigardos la provojn de trudado de la angla dominanta lingvo por Eŭropo kaj eĉ sen antaŭzorga saĝo senkritike apogos tion, do en baldaŭa estonteco ni povos dividi la sorton de indianaj popoloj, kiuj nuntempe regas nur la anglan, hispanan kaj portugalan, sed siajn proprajn lingvojn ili jam ne konas.*

**La artikolo aperinta en pola semajna revuo Faktoj kaj Mitoj (Fakty i Mity nr 4(516) el 28.01.2010)**
**prilaborita de Kazimierz Krzyżak**

**Esperantigis: Edward Jaśkiewicz**

# Jarĉefkunveno de HES 2010

La jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo okazis la 11an de Februaro. Estis elektita (laŭleĝe en dujara ritmo) jena estraro:
Prezidantino: *Kerstin Baasch*
Vicprezidanto: *Ralph Glomp*
Kasisto: *Gerald Roemer*
Sekretario: *Benno Klehr*
Estrarano por interreto: *Frank Merla*
Estrarano por junularo: *Dominik Grauert*
Adjunktoj: *Vesna Staničić-Burchards* kaj *Jürgen Wulff*

Kerstin Baasch dankis al *Peggy Ley*, kiu ne plu kandidatis, pro 6-jara laboro kiel sekretariino.
La ĝisnuna estrarano reprezentanto de la junularo, *Christof Hienerwadl* ne plu loĝas en Hamburg.

La kunveno decidis **ne** altigi la kotizojn, do restos kotizo de 50 € por normala membro, 25€ por familiano, senenspezulo aŭ junulo ĝis 26 jaroj kaj 12 € por infanoj kaj junuloj ĝis 16 jaroj.

Vi povas doni bankan debitigan permeson (Einzugsermächtigung) al la kasisto de HES.

**Membroj** povas peti la **kompletan protokolon** de la jarĉefkunveno ĉe Kerstin baasch@esperanto-hamburg.de.

**15a de Aprilo**

*Pia Haasis:*

## Tutanĥamono



lia vivo kaj lia epoko en bildoj
Pia Haasis vojaĝos kun vi pli ol trimil jarojn pasintecen.

– La apuda foto montras la vizaĝon de la fama faraono, rekonstruita laŭ komputila tomografio.

---

# Novaj libroj

*Jean Codjo:* **Aventuro en mondo de ŝajnigado** – Novelo pri la sperto de afrika intelektulo en la blanka mondo. Ne nur la konstatoj estas priskribitaj, sed ankaŭ la evoluo de la observanto. (2009)

*DEB:* **100 Jahre Deutsches Esperanto-Institut**

*Ulrich Lins:* **Utila Estas Aliĝo** – Tra la unua jarcento de UEA. (2008)

*Jules Verne:* **Ĉirkau la mondo dum okdek tagoj** – La plej faman romanon de Jules Verne tradukis el franca lingvo *Jean-Luc Tortel.* (2008)

# Solvo de Hamburg-Enigmo



La tureto estas la pinto de la t.n. *Torhaus* (Pordega domo), kiu estis la enirejo al la iama nobelula palaco de Wellingsbüttel. Hodiaŭ la palaco kaj apudaj novkonstraŭoj formas altklasan rezidejon de maljunuloj. En la pordega domo troviĝas muzeo pri la historio de la palaco kaj la bieno Wellingsbüttel.





***W. Beier, G. Hein, A. Pawelczyk, H. Ehbrecht-Engels, G. Skaarup* kaj *M. Landeck* dum la inaŭguro** Foto: HAN

# Büro Europaverständigung

En Aprilo 1988 la senata komisiito pri Eŭropo, *Alfons Pawelczyk*, kune kun *Gerhard Hein* por la Societo por Internacia Lingvo, inaŭguris en la Hamburga Esperanto-Domo la oficejon por **Eŭropa interkompreniĝo**.
Por la politikisto la oficejo estis ebleco, plibonigi la akceptemon de la civitanoj pri Eŭropa Unio, *Gerhard Hein* vidis eblecon, disvastigi la scion de la homoj pri lingvaj problemoj kaj la eblecojn de Esperanto.
Dum ses jaroj funkciis la oficejo, ĝis finiĝis la ŝtata subvencio pro manko de mono. La oficejo krom la Eŭropa agado ankaŭ organizis prelegojn kaj Esperanto-kulturajn eventojn.

Eŭropa konferenco de politikistoj, historiistoj, ekonomikistoj kaj ĵurnalistoj en Hamburgo en majo 2011

# Kia estus Eŭropo nun, se EU neniam estus fondita?

Laborlingvoj: Germana, angla kaj esperanto.
Organizantoj: Eŭropa Esperanto-Unio
kaj Hamburga Esperanto-Societo

Hamburga Esperanto-Societo kunlaboras kun Eŭropa Esperanto-Unio kaj kunfinancas la preparadon de la supre menciita konferenco en 2011.
Celo de la konferenco estas
– montri al Eŭropaj civitanoj kiaj verŝajnaj negativaj konsekvencoj estus por Eŭropo, se EU neniam estus fondita kaj tiel konsciigi ilin pri graveco kaj valoro de Eŭropa Unio kaj
– montri ke E-organizoj povas havi tute alian rolon organizante tian konferencon kaj akiri gravan prestiĝon en Hamburgo, Germanio kaj ĉe EU.

La komencan startfinancadon de septembro 2009 ĝis majo 2010 transprenas la partneroj per 5000 € far HES kaj 5350 far EEU.

Pli detalajn informojn vi povas legi en la eldono de ***Esperanto Hamburg*** n-o 4/2009.

# Zamenhoffesto 2015

Ni interkonsentis kun la estraro de la kulturbutiko, ke nia Zamenhoffesto okazu ĉiam la trian Sabaton en Decembro; do la venontaj datoj estas:
18.12.2010, 17.12.2011, 15.12.2012, 21.12.2013, 20.12.2014, 19.12.2015.

# Seán Ó Riain prelegis

## la 18an de Marto en la *Kulturbutiko*



La temo de la germanlingva prelego estis la tago de s-ta Patriko en Irlando. La aŭskultantoj evidente atrendis alian prelegon, kvazaŭ raporton kiel pri karnavalo en Rio aŭ pasko en Sevilla.Sed Seán klarigis la signifon de la sanktulo, kiu vivis en la 5a jarcento kaj kristanigis la Irlandanojn. S-ta Patriko kunportis ankaŭ la skribon por la irlanda lingvo, en tempo kiam oni en norda Eŭropo ne jam skribis en aliaj lingvoj krom la Latina.
La Irlanda estas unu el la Gaelaj lingvoj kiel la Skota Gaela kaj la Manksa. La lingvo estas unu el la malgrandaj en Eŭropo, kiu nur libere povis evolui post la sendependiĝo de Irlando de Britio en 1922.

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: 19.00 h • programo 19.30 h en Kulturladen St.Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg

## Aprilo

**1** • **Ovo-kunveno** • Filmo:
"La mortotuko – signo de nia epoko"
1993, 57 minutoj.

**2-5** **KEKSO** Junulara Renkontiĝo (paĝo 4)

**8** *Werner Bormann* estis festpreleganto en Dresdeno kaj parolas pri la **„Marie-Hankel"-Kulturtagoj**

**15** *Pia Haasis:* **Tutanĥamono**
bv. vidi artikolon

**22** *Ralph Glomp:* **Oficialaj varbiloj de Germana Esperanto Asocio**
GEA ĝis nun publikigis ok diversajn varbilojn multkolorajn. Kiel plej bone uzi ilin kaj varbi por Esperanto?

**24** **Eŭropa Foiro**
Kiel ĉiujare ni prizorgos standon sur Gänsemarkt. Verŝajne tio estos nia ununura varbebleco en 2010, ĉar la festivalo de la kulturoj ĉi-jare ne okazos pro manko de mono al la urbo Hamburgo. Bonvolu subteni la varbadon kaj anonci vian partoprenon ĉe la estraro.

**25** Dimanĉo, 16.00 h
**Schnupperkurs**
Bonvolu ne veni mem, sed sendu familianojn, amikojn aŭ konatojn.

**29** **Esperanto – pasporto al la tuta mondo**

## Majo

**6** *Erika Dobrzyński:* **Nicaragua**
Erika vizitis Nikaragvon kaj rakontas

**13** • **Ĉielira Festo** •
Ni renkontiĝas je 15.00a horo
ĉe metrostacio Horner Rennbahn
kaj komune iras al la Esperantoarbo.
Ek de la 15.30a horo ni renkontiĝas
ĉe kafo kaj kuko en la *Kulturbutiko,*
Alexanderstr. 16 • 20099 Hamburg
kaj aŭdas prelegon de *Ralph Glomp*:
**Majo, monato de festaj tagoj**
(Tago de la laboro, Tago de patrinoj,
Eŭropa tago, Ĉieliro, Pentekosto).

**20** **TV Esperanto Bjalistoko (2)**
Interesaj filmetoj profesie produktitaj antaŭ kaj dum la UK 2009 en la naskiĝurbo de Zamenhof.
(ĉirkaŭ 30 minutoj.)

**21-24** **87a Germana Esperanto-Kongreso**
kune kun
**Franca Nacia Esperanto-Kongreso**
en **Kaiserslautern**

**26** Merkredo, 18.30 h
**Estrarkunsido** (publika)

**27** **Germana kaj franca Kongresoj en Kaiserslautern**
Partoprenintoj raportas.

## Junio

**3** *Hannelore Brunow:*
**Frédéric Chopin – lia vivo kaj lia muziko**
Prelego pri la komponisto, kiu naskiĝis antaŭ 200 jaroj.